

# IREJO-BULTENO

**Irana Esperantista Junulara Organizo**

**N_ro : 4 Aûgusto - Septembro 1994 Mordad - Ŝáhrivár 1373**

## Salutojn karaj !

Jen kvara numero de nia bulteno ! Ankaû en tiu-ĉi numero vi trovas interesajn novaĵojn kaj aferojn. Praktike ju pli la tempo pasas des pli ni spertiĝas kaj la bulteno bonformiĝas .

Pro via informo mi devas diri feliĉe la aferoj bonorde antaûiras kaj la organizo vigle disvolvas, eksteraj rilatoj pli fortiĝas kaj vera komunikado jam formiĝas.

Enlande, junaj Esperantistoj ankoraû aliĝas al la asocio kaj membrokvanto multiĝas, tiu afero signifas ke nia laborplano havis bonan kaj klaran projekton pri nuna situacio en nia lando. Entute ni sukcese faras la organizajn aferojn .Ankaû vi kara samland-samideano, vi povas helpi vian asocion partoperante en diversaj aktivadoj kiuj en IREJO atendas vin . Ĉiam en IREJO ni bonvenas vian aktivadon kaj kunlaboradon.

Venonta numero estos speciala riĉa numero kun interesaj raportoj kaj agrablaj novaĵoj, do ĝis la venonta numero, bonan legaĵon ! .

La Red.

------- Adresoj -------------------------------------------------------------

IREJO-Bulteno

Organo de Irana Esperantista Junulara Organizo

●Redoktoro : M . Reza Torabi●Eldonaj aferoj : Ábbas bagestani ●Eldona ordo : du monate ●La bulteno kiel informilo celas speguli faritajn agadojn pri aŭ rilate Esperanto en Irano ●La bulteno precipe atentas pri junulara aktivado en Irano kaj ĝenerale tutmonde ●Subskribitaj artikoloj kaj eseoj ne montras oficialan opinion de la asocion ●Pri ne asociaj novaĵoj kaj raportoj respondecas mem la raportantoj ●Ĉiaj novaĵoj,informoj,eseoj kaj artikoloj bonvenas ●poŝta adreso : P . O . Kesto : 17765-184, Tehran-17, Iranio .

---

IRANA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO-IREJO

UEA kodo : irej-n , FEL kodo : irej-n , Fondita : Julio 1993/Tir 1372, P.O.Kesto : 17765-184 , Tehrano . Telekopiilo : +98 21 363232

Kunlaboranto de :Tutmonda Esperantista Junulara Organizo-TEJO

IREJO estas landa filio de : Internacia Scienca Asocio Esperantista-ISAE

Ĉefgvidanto : M . Reza Torabi, P/a IREJO

Vicgvidanto : Ábdollah Hákimneĵad, P/a IREJO

Ĝenerala Sekretario,Kasisto : Ábbas Bagestani, P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : +98 21 4612445

Sekretario : Ĝámŝid Ahmadi,Daneshgahe Shahid Beheshti,Daneshkade Pezeshki,Tehran-Evin .

ENHAVO :



# Alvoko

## Aktivuloj pretiĝu

**Kondidatu vin al la Delegiteco**

Laŭ la statuto de IREJO, kiun reklamis la fondintoj de la asocio la 8an de majo 1994, IREJO membroj rajtas elekti al si mem delegitojn kaj la elektitaj delegitoj tiam elektos la estraron. Kiel vi scias ĉar IREJO ankoraŭ ne haviĝis elektitajn delegitojn de ĝin gvidas la fondintaj membroj ĝis tiam ke lege la asocio haviĝu elektitan estraron.

Post unu jaro estas tempo ke la membroj elektu al si mem delegitojn. ĉiuj membroj rajtas anonci sin, se interesiĝas kaj deziras multe aktivu. Bonvoli interesiĝantoj anoncu sin ĝis la 22a Oktobro 1994 / 31 Mehr 1373. Oni en siaj leterinformoj b.v koncize priskribu pri siaj agadoj kaj aktivadoj.

Ábbas Baghestani
Ĝenerala sekretario de IREJO

## Viaj leteroj kaj ...

Dum la pasintaj monatoj ni ricevis leterojn adresitaj al la asocio kiuj donis al ni grandan esperon kaj kuraĝon . Oni renkontis IREJOn kaj sincere akceptis ĝin . Jen kelkaj enlandaj leteroj , tre sinceraj , simplaj kaj esperdonaj .

Estis freŝa mateno printemp-tage kaj mi trarigardinte senditajn leterojn al mi , ekhaltigis mian rigardon je paketo sur kiu mi mirinde ekvidis la persajn vortojn : Esperanto - Ĝavan ! Tuŝante la leteron en mia mano , eknotiĝis al mi mia fratino : kio estas la afero ? kaj mi nur respondis per mia kapmovo al la paketo . ŝi tuj abrupte kaptis ĝin : kio? ĉu vere kaj poste ... La unua Irana E-bulteno briladis ĉe niaj entuziasmaj okuloj . GRATULON ! GRATULON ! .. Estis nia ĝojkrio . Ah . . . Mia Dio! Klare , ĉiu Irana Esperantisto povas diveni la reflekton de la E - bulteno en Esperantujo : En IRANO OKAZIS SENPRECEDENCA AFERO . . . IRANO FINFINE ROMPIS SIAN SILENTON . . . ktp .

Honore nun mi kaj ĉiu alia Irana Esp-isto havas respondi por la alilandanoj kiuj demandas : ĉu en Irano eldoniĝas E-gazeto ?

Vi , karaj redaktcianoj , faris kuraĝe admirinda servon al Irana Esp-istaro . . . Kaj kio estas nia devo ? Entiu ĉi oportuneco mi volas peti tute miajn Esp-ist-gesamlandanojn kunlabori kun ilia mem nove naskiĝita Esp-bulteno por ne nur ĝia viv-daŭro sed por unuiĝi la disajn E-aktivecojn tra Grand - Irano . Esperanto apartenas al ĉiuj sed ni Esp - istoj , apartenas al Esperanto kaj Tial nia batalo por internacia paco per Esperanto devas koncentriĝi je bazaj celoj unue , kaj due gvidiĝi helpe de spertuloj . Tre feliĉe , la eldoniĝo de IREJO-Bulteno povas esti la unua serioza paŝo , se ĝi ricevu sufiĉe subtenojn . Ni notuke se ni serĉas riĉan kaj energian

E-movadon en nia mem lando , tiu ĉi bulteno povas ludi gravan rolon kiel certa ilo . Estas notinde , ke pli grava kompreneble ol la eldonade ĉi tiu bulteno estu , mi insistas , helpado kaj subtenado por atingi ĝian celaron . Mi kiel grupestro de "Esfáhane Ĝávan ( juna Esfáhano ) " gratulas IREJOn kaj pretas helpi kaj subteni , je ĉiel ebla maniero , IREJO-Bultenon .

Mi ankaû pretas funkcii kiel via loka delegito en Esfáhano. do indas informigi min pri viaj diversaj aktivecoj . Antaûdankon! Kun sinceraj salutoj je la nomo de ESFÁHANE ĜÁVAN grupo .

M . Mehdi Noruzi - Esfáhano

---

Salutoj , Miaj karaj (ge)samideanoj .

Hodiaû mi ricevis 2an numeron de IREJO bulteno sendita per vi .

Dankon Admiron , ne lacu.

... kiam mi ricevis vian leteron mi tre tre ĝojegiĝis . alivorte mi entuziasmiĝis . Mi ne povas esprimi mian ĝojecon .

... Mi esprimas mian deziron por ke fariĝu la delegito de IREJO en kángavár Bv. sendi plurajn informojn kaj statuton de IREJO .

La penso de eldonigo de " verda kajero "en du lingvo persa kaj Esp . estas tre admirinda . mi petas sendu al mi provnumeron kaj abonilon .

...

Sukceson por vi

Ali Asgár Koûsári , kángaváro

---

... Mi entuziasmas aûdi pri Esperanto - kunvenoj tra la mondo kaj novaj aperaĵoj .

... Estas grandan feliĉon ke ni havas por unua fojo "Bulteno de juna Esperanto " , (IREJO-Bulteno) kiun vi sendis por mi , kore Dankon . Mi tre ĝojas kaj esperas vi daûri viajn agadojn

por la Bulteno . b.v. skribi kiel mi povas aliĝi en via grupo .
Via samideanino
F . Árábŝahi , Ŝahinŝáhro

---

... Mi tre ĝojas ke ni (Irananoj ) havas novan klubon , ĉar ni bezonas kelkajn klubojn kiel "IREJO" por niaj junuloj. Ni bezonas informi pri E-o en Irano, ĉar multaj homoj ne konas ĝin.

... Mi deziras scii ĉu mi povas helpi vin iomete pri via klubo aŭ aliaj aferoj, Se jes, mi interesiĝos ricevi vian respondon .
Mohammad Reza Táŝákori, Tehrano

---

... Mi legis pri vi en lasta numero de "Tejo Tutmonde". Estas vere ĝojinda ke vi agadas por disvastigi Esperanto-lingvon en nia komunumo.

... Eble estas mia ŝanco konatiĝi kun vi kaj paŝi-antaŭen por pli-utiligi la lingvon en mia vivo. Do se eblas bonvole akceptu min kiel via amiko kaj membro de IREJO .

...

Hamze ŝafii

---

... Gratulon al vi pro establo de IREJO kaj mian kuraĝojn mi esprimas.

Post kvin monatoj de ekorganizo de IREJO mi ne sciis ĝian genezon ĝis mi legis pri ĝi en T.T kaj tre ĝojiĝis .

...

Fine mi esprimis ke estas preta por helpi ĉiu okaze IREJOn .
Sincere vin .

M . Mirbozorgi-Káráĝo

-------------------- . . . ! ----------------------------------------------------------

En nia lando UEA havas unu ĉefdelegitinon, du delegitojn(D), unu junulardelegitinon(JD), kaj naŭ fakdelegitojn(FD) .

Aprile ĉi jaro ni sendis informaĵojn kaj leterpetojn invitante la delegitojn al interkunlaborado kun IREJO . Ĝis nun dum tiu tempo nia respondo estis ega silento ! Pro nekonita kialo oni rifuzis siajn sampensadojn aŭ eventualajn kunlaborojn kun IREJO . Ordinare UEA delegito estas homo kiu aktivas volonte pri movadaj aferoj kaj ĉiam pretas helpi aliajn rilate E-o movado tamen kiel ŝajnas ke niaj samlandaj gedelegitoj ankaŭ havas specialan metodon rilate E-o movado. Ili ankaŭ povas kunplezure silenti por multa tempo! Eblas ke tiu estas nova strategio pri la E-o movado kaj Esperanta disvolvado en Irano ! Ni elkore deziras multan sukceson al niaj aktivaj UEA delegitoj .

## -------- Organize ----------------

Jam Okazis

UNUA IREJO KUNVENO

okaze la datreveno de la fondo de IREJO, vespere vendredo 15.7.94/24.4.73 aranĝiĝis simpla kunveno en kiu partopenis dek junaj Esperantistoj el kvar urboj . envere la kunveno estis unua simila renkontiĝo, kaj oni konatiĝis kum unu la aliaj proksime kaj entuziasme. jen raporto pri la unua IREJO kunveno .

Komence M.Reza Torabi salutdirante al la partoperantoj ekparolis pri la celoj kaj faritaj agadoj en IREJO dum la pasinta jaro . li diris ke pro la manko de propra informada centro en Irano IREJO organiziĝis .ĝis kolektu aktivulojn por vera aktivado. Oni demandis lin pri la fondintoj de IREJO kaj la rilato de ĝi kun aliaj organizoj.

M.Reza Torabi diris ke IREJOn fondis kvar junaj Esperandistoj la julio 1993 en Tehrano: M.Reza Torabi,

Ĝámŝid Áhmádi, Ábdollah Hákimneĵad kaj Ábbas Bagestani kaj ankaŭ poste aliĝis aliaj interesiĝantoj. pri rilatoj de IREJO kun aliaj similaj organizaĵoj kaj Esperantaj centroj nune IREJO havas bonajn rilatojn kun gravaj Esperantaj orgonizaĵoj kiel TEJO kaj ISAE k.s ankaŭ en lande IREJO sendis leterpetojn al aktivaj gesamideanoj dezirante sinceran kaj aktualan kunlaboradon pri la movadaj aferoj, ke kelkaj renkontis kaj kelkaj rifuzis aŭ ne preferis kumlaboron kun IREJO.

oni demandis pri budĝeto de IREJO kaj ĝiaj elspezoj. Torabi respondis ke : ĝis nun IREJO budĝeton akceptis mi kaj Ábbas Bagestani kaj kompreneble tiu afero ne multe povas daŭri kaj ni ĉiuj devas pripensu la aferon.

post parolado de la gvidanto de IREJO, Ábdollah Hákimneĵad ekparolis pri siaj agoj en la universitato de Tabrizo kaj iom parolis pri la bezono de ekzistado IREJOn en nuna situacio . Ábbas Bagestani poste parolis pri siaj aktivadoj kaj okupoj kiuj estas multaj al li . al la partoperantoj li klarigis pri diversaj mankoj kaj limitoj kiuj ekzistas sekve la agadon, tamen ankoraŭ sen halte la aferoj dauriĝas . Mohámmád Reza Táŝákori unu da partoperantoj proponis ke nune ankaŭ IREJO ne devigu interesiĝantojn kiuj pagi membrokotizon sed unua paŝe oni volonte helpu la organizon . li klarigis ke li mem volonte helpos IREJOn ĝis nuna situacio iel solviĝu .

entute unua IREJO kunveno alportis multajn spertojn al ĝia aranĝantoj kaj partoperantoj . oni renkontis venontajn similajn kunvenojn .dum la kunveno adresoj ,telefonnumeroj k.s interŝanĝis .

Konkludo de unua kunveno :

IREJO membroj proksime konatiĝis kum unu la aliaj .

Partoperantoj interkonsentis akceptu agojn rilate la asociaj aferoj.

Ili praktike subtenis nunan estraron .

Ili subtenis IREJO celojn kaj ĝian statuton .

# Majstra Vidpunkto

Antaû du jaroj publikiĝis mallongita intervjuo kun Prof d-ro M.H Saheb Zamani en la movada informilo " esperanto". La temo estis tre interesa kaj pripensinda , la gvidanto de nova Esperanto movado en Irano koncize esprimis sian vidpunkton pri Esperantistoj kaj ĉiuj kiuj iel emas al nia kara lingvo. Ĉar la temo estis tre interesa kaj aliflanke tiu spegulas la ideojn kaj tre interesajn vidpunktojn de Prof D-ro Saheb Zamanion, do mallongitan intervjuon ni republikigas.

La Red.

## Kiuj Emas Esperanton ?

-- " Kiel kaj kial oni interesiĝas pri nia lingvo ? "

Prof. D-ro M.H Saheb Zamani :

Aparte en tiu ĉi parto de la mondo, la interesatoj troviĝas en , eble , 11 kategoroj :

1. Homoj kiuj serĉas ion por plenigi sian vivo-vakuon per ia terapia okupo.

2. Hobiistoj : Por ili Esperanto povas esti tre malmultekosta hobio.

3. Vojaĝemuloj : Ankaû ili serĉas malmultekostecon, plifaciligon de vojaĝoj, aparte eksterlanden . Pasporta Servo aû la eblo pli facile ricevi vizon aû invitilon allogas ilin.

4. Avaruloj : Ankaû ili volas okupi sin per Esperanto hobiece, sed male al la dua kategorio, ili ŝparas ne pro monomanko. La malmultekosta amuzilo Esperanto taûgas por ilia karaktero.

5. Interesiĝantoj pri komputiloj kaj tradukaj maŝinoj .

6. Lingvistoj : La plimulto pro sia fakula fiero ne volas scii pri Esperanto kaj eĉ antaûjuĝe atakas ĝin; la alia grupo, kompreneble tre magra malplimulto, okupas sin pri Esperanto, la t.n. " artefarita lingvo " , el pure lingvistika scivolemo.

7. Diversaj minoritatoj : Ili serĉas identecon, akceptiĝon, legimitecon, eventuale tutmondan disvastiĝon; ekz. adeptoj de certaj religioj aû de politikaj konvinkoj, samseksemuloj ktp.

8. Homoj kiuj deziras havi komunikadon kun aliaj, kie ajn en la mondo, pro scivolemo, aû batale kontraû sia izoleco, ekz. korespondante.
9. Tiuj kiuj deziras edukiĝi internacie : potenciale internaciuloj kaj mond-civitantoj.
10. Tiuj kies intereso pri Esperanto motiviĝas politike, ekz. la homoj en orienta eûropo antaû la falo de la berlina muro,kaj multaj aliaj en la tria mondo-ekzemple,dum la milito inter Irako kaj Irano kelkaj iranaj militkaptitoj en iraka malliberejo serĉis internacian helpon pere de Esperanto. Por ili ĉiuj Esperanto fariĝis kvazaû tre eta fenestreto al la libera mondo en la izola ĉelo de ilia malliberejo.
Por ĉiuj priparolitaj sufiĉas scii Esperanton por si mem, ĉar ili deziras ie trovi geamikojn. Esperanto por ili estas ia kluba lingvo. La scivolemo de la "klubanoj" estas limigita kaj privata, ne publike mond-vasta . La limigiteco de Esperanto ŝajnas al ili pli avantaĝe, kaj ĝia populariĝo malavantaĝo. Ili do pli-malpli emas monopoligi Esperanton. Pro tio ĉi tiuj grupoj ne tiom aktive agadas por la monda Esperanto-movado. Nur la anoj de la 11-a kategorio vere volas disvastigi Esperanton pere de komunaj elsendiloj, aû en komercado,kaj aparte en scienco kaj teknologio.
(11). Tiuj kiuj jam spertis ĉagrenajn rezultojn de milito rigardas Esperanton kiel la lingvon de paco kaj frateco. Ĉi tiuj homoj kutime apartenas al malĵusaj epokoj . Sed meze de la 70-aj jaroj, speciale en Irano, aûdiĝis kvazaû jena plendo : " Ankaû ni estas tre for de la monda paco tiel sopirata! " Por paco ne sufiĉas nura reklamado pri Esperanto . Anstataû tia pura idealismo ni bezonas ke Esperanto estu elektita kiel monda komprenilo por la disvastigo kaj transdomo de la plej ĝenerale akceptitaj sciencaj scioj kaj ke ĝi praktike aplikiĝu por teknologio.
Por ke la tria mondo povu kompensi sian postrestadon, oni ankaû devas, kiel eble plej baldaû, eldoni bazajn sciencajn kaj teknologiajn manlibrojn en la vere internacia, facila lingvo

Esperanto.

el la revuo " esperanto" n-ro : 1039 (7-8),1992

## Novaj libroj de Átai eldonejo (Aŝjane Ketab )

**Ali la simbolo de la humaneco**

Aûtoro : S . M . Mirbaqian, eldonisto : la aûtoro, Propagisto : Átai eldonejo. Unua preso : 1994/1373, Prezo : 1000 Rialoj

Interesa libro pri la vivio de imamo Ali.

**Lernolibro de konversacia kurso de d-ro Szilágyi al la Persa**

Tradukis : d-ro Hosejn Váhidi, Eldonisto : Átai eldonejo, Unua preso : Printempo 1994/1373, Prezo : 2000 Rialoj .

Utila kaj bonforma lernolibro al la komencantoj .

==========================================

## Bonvoli Atentu !

Skribante al IREJO ni petas subajn observojn :

- Laû eble skribu al ni Esperante !
- Skribu sur unu flanko de la papero.
- Skribu klare kaj laû eble presmaniere.

Entuziasme ni atendas viajn leterojn kaj mesaĝojn, do kara prenu la krajonon kaj la paperon kaj priskribu vian opinion,deziron aû intereson. ankaû ni ŝatas vian skribaĵojn,kial dubo ! cku kara .

# ------------ Novaĵoj ------------------------------------

## IREJO kiel landa filio de ISAE !

Internacia Scienca Asocio Esperantista akceptis nian asocion kiel sia landa filio (LF) .

Prof. Carl Bowitz Prezidanto de ISAE akceptis IREJOn kiel landa filio de ISAE, ankaû akceptis IREJO sekretarion Ĝamŝid Ahmadi kiel la delegito de ISAE en Irano.

Ni esperas ke IREJO havu utilajn rilatojn kun ISAE kaj IREJO sekretario estu bona delegito ankaû al ISAE .

interesiĝantoj pri ISAE kaj ĉiuj kiuj deziras ankaŭ membriĝi en ISAE b.v kontaktu Ĝamŝid Ahmadion koresponde al IREJO adreso . (en la venonta numero aperos multaj informoj pri ISAE ) .

## IREJO Reprezentanto en la 50an IJK !

Nekredeblas sed tiu estas vero ! nia reprezentanto partoprenos en la 50an IJK en koreio. S-ro Hamze Ŝafii kiel la reprezentanto de IREJO reklamos IREJO mesaĝojn al la partoperantoj en ĉi jara IJK en koreio. En la venonta numero ni publikigos lian specialan raporton pri ĉi jara IJK, kiu antaŭvide devas estu tre agrabla kaj interesa, do ĝis la venonta numero !

## Ĉu la testamento de Imamo Ĥomejni al Esperanto ?

S-ro Ábdollah Hákimneĵad ekkomencis traduki la testamenton Imamo Ĥomejni al la Esperanto. La testamento estas valora dokumento pri la pensado kaj ideoj de Imamo Ĥomejni kaj kompreneble ĝia traduko bezonas specialan atenton. Jam nia kara kolego ekis la tradukon kaj laŭ eble baldaŭ oni povas legi la testamenton Esperante. Abdollah Hakimneĵad ĵus finis sian studadon en la universitato de Tabrizo pri la Filozofio kaj akiris sian licencon. Ni gratulas lin kaj deziras elsukceson al li .

## Nova Statuto de IREJO

La fondintoj de IREJO verkis novan statuton la 8an majo kiu ankaŭ montreblas al la ŝtataj organizaĵoj por registrigi la asocion .

La statuto konsistas el dekkvar partoj klarigante leĝajn rilatojn pri organizita agado laŭ la nacia jura kodo haveblas ĝi, interesantoj mendu ĝin koresponde .